# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO
de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

*12-a Jaro* — *Numero 5-8*

Aliĝo al B. L. E. 5$000
Jarabono eksterlande Fr. 5
(Franca valoro)

Majo-Aŭgusto 1921

REDAKCIO—Praça 15 Novembro, 101
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO


## Esperanto kaj la Ligo de Nacioj

*Rio de Janeiro, la 10an de Aŭgusto de 1921*

S-ROJ PREZIDANTO KAJ CETERAJ ANOJ DE LA LIGO DE NACIOJ

Konsiderante, ke, laŭ la unuanima konsento de la instruitoj, pli kaj pli montriĝas la neceso de neŭtrala komuna idiomo, faciliganta la interkomunikojn de la popoloj ĉe iliaj ĉiuspecaj rilatoj ;

Konsiderante, ke pro motivoj evidentaj ne estas permesate esperi la solvon de tia problemo per iu ajn el la historiaj lingvoj jam mortintaj kaj ankaŭ per iu ajn el la nunaj idiomoj, parolataj de la popoloj sur la tuta mondo ;

Konsiderante, ke la neŭtrala helpa lingvo «Esperanto» jam estas disvastigita tra ĉiuj civilizitaj centroj de la Tero ;

Konsiderante, laste, ke eminentaj filologoj kaj notindaj homoj en ĉiuj branĉoj de l'homa aktiveco jam sin deklaris favora al tiu internacia lingvo, kies vivpovo kaj efikaj praktikaj aplikaĵoj jam estas sufiĉe elmontritaj ;

Ni petas, respekteplene, al la honorinda Ligo de Nacioj doni sian valoran moralan apogon al la Esperanta afero, apogo, kiu sin montros per iaj ajn agoj aŭ decidoj, laŭ la kriterio de la Ligo, atentinte la helpon, kiun la neŭtrala lingvo povas doni al la konservo de la paco kaj kunfratigo de la popoloj.

---

Tiu ĉi alpeto estas sendita al la Ligo de Nacioj de Brazila Ligo Esperantista kaj estas subskribita de pli ol 200 gravaj personoj loĝantaj en Rio de Janeiro, inter kiuj estas 8 federalaj senatanoj, 29 federalaj deputatoj, 2 ministroj de Superega Tribunalo, la prezidanto de la Urbkonsilantaro de Rio de Janeiro, la Rektoro de la Universitato kaj prezidanto de la Supera Konsilantaro de l'Duagrada Instruado, 26 profesoroj de la Universitato, 24 direktoroj de Publikaj Departementoj kaj Institutoj, 10 membroj de la Brazila Literatura Akademio, 10 marŝaloj kaj generaloj, 32 ĵurnalistoj, 8 direktoroj de la Komerca Asocio de Rio de Janeiro, la prezidanto de la Ligo de Komerco, la prezidanto de la Asocio de Komercoficistoj, 14 profesoroj de la Normala Lernejo, kuracistoj, membroj de Ŝtataj Literaturaj Akademioj, inĝenieroj, advokatoj, katolikaj pastroj, juĝisto, urbaj instruistoj, reprezentantoj de Asocioj spiritaj, teozofia, laborista kaj studanta, k. t. p.

---

## NEKROLOGIO

### Antonio Grabowski

Granda perdo okazis al la tutmonda esperantistaro.

La 4an de Julio lasta mortis la malnova pola esperantisto kaj fama poeto Antonio Grabowski.

Li naskiĝis en Chelmno apud Vistulo je la 11a de Junio 1857 kaj studis ĉe la Universitato de Breslau lingvojn, filozofion, natursciencojn kaj hemian teknologion. Li estis direktoro de la sekcio pri Gramatiko en la Esperantista Akademio kaj aŭtoro de multaj esperantaj verkoj.

Li okupis longtempe la oficon de prezidanto de Pola Esp. Societo kaj estis lasttempe ĝia honora prezidanto.

Niajn sincerajn kondolencojn al lia familio kaj al la pola esperantistaro.

---

## DESTINO

Kiu diris al la stelo la vojon
Kiun sur ĉielo blua ĝi sekvos?
Kiel sian belan neston faradi
Tre facile frue birdo eklernis?
Kiu diras al kreskaĵo: «Ekfloru!»?
Por la muta vermo, kiu teksadas
Sian silkan kaj blankegan mantelon?
La fadenojn kiu al ĝi elplektas?

Eble iu al abelo instruis,
Kiu nun zumadas sur florkampeto,
Kie devas serĉi sian mielon,
En la blanka floro, aŭ en la ruĝa?
Ke vi estas mia vivo, anĝelo,
Vivo mia viaj belaj okuloj
Amo via mia tuta feliĉo:
Tion iu diris al mi neniam.

Kiel la abelo flugas al kampo
Kiel sur ĉielo kuras la stelo
Kiel al la homo ĝia destino
En la penso sin konigas instinkte
Mi, fide, sur via brusto diina
Volas vivi kaj plenumi destinon.
Mi venas, tial, ke mi vivas pro vi,
Por vi povas mi nur morti feliĉa.

Traduko dediĉita al Fraŭlinoj Maria Luiza Bocayuva kaj Esther Bloomfield).

*La Forgesito.*

---

## "Klubo de Inĝenieroj" kaj Esperanto

En nia lasta numero ni raportis ke la grava asocio «Klubo de Inĝenieroj» elektis komitaton, konsistantan el la distingindaj inĝenieroj s-roj A. Arruda Beltrão, Getulio das Neves kaj Valentim Dunham por ĝin reprezenti ĉe la Sesa Brazila Kongreso de Esperanto. En la kunsido de l' 16a de Majo d-ro Getulio das Neves legis la raporton de tiu komitato, en kiu ĝi. per entuziasmaj vortoj, montras la gravecon de la Kongreso kaj citas ĉiujn ĝiajn notindajn faktojn.

— Je la 19a de Majo la Prezidanto de Brazila Ligo Esperantista sciigis la Prezidanton de l'Klubo de Inĝenieroj pri la rezolucio por Esperanto aprobita de la du plej gravaj asocioj de Parizaj inĝenieroj.

Ricevinte tiun sciigon grafo d-ro Paulo de Frontin, prezidanto, elektis d-ron Aarão Reis por studi la aferon kaj doni sian opinion pri ĝi. Akceptinte tiun taskon, d-ro Aarão Reis, unu el la plej distingindaj inĝenieroj en Brazilio, je la 18a de Julio, legis sian longan raporton tute favoran al Esperanto. Tiu ĉi estis vera literaturaĵo, per kiu li pruvas ke nur artefarita lingvo povas esti helpa lingvo internacia kaj ke Esperanto povas plenumi tiun rolon.

Li finis proponante ke la Klubo esprimu la deziron pri la enkonduko de la instruado de Esperanto en la programoj de l' publikaj lernejoj kaj decidu komisii komitaton por prepari teknikan vortaron pri inĝenierscienco en Esperanto kaj starigi esperantan fakon en sia revuo.

En la kunsido de l' 2a de Aŭgusto, okaze de la diskutado de tiu propono, d-ro A. Arruda Beltrão, telegrafa distrikta ĉefinĝeniero, faris bonegan paroladon, per kiu li montris la facilecon kaj simplecon de la helpa lingvo Esperanto. Li estas multe aplaŭdita de siaj kunklubanoj kaj de la tuta ĉeestantaro.

Tiam okazis interesa neatenditaĵo!

D-ro Beltrão proponis kaj la prezidanto permesis, ke f-ino Maria Luiza Bocayuva, urba instruistino, deklamu poezion en Esperanto.

Ŝi stariĝis kaj deklamis bonege la poezion de Zamenhof «Preĝo sub la verda standardo». Belan impreson faris tio al la ĉeestantaro, kiu multege aplaŭdis la deklamintino.

Pro malsano de d-ro Aarão Reis la propono ankoraŭ ne estas submetita al la aprobo de la Direktantaro de l' Klubo.

«Jornal do Commercio», la plej grava ĵurnalo de Brazilio, publikigis la tutajn paroladojn de d-roj Aarão Reis kaj Arruda Beltrão.

Plenumante la peton de kelkaj klubanoj, s-ro A. Couto Fernandes, prezidanto de B. L. E., donis en la sidejo de l' Klubo de Inĝenieroj kelke da lecionoj pri Esperanto.

---

## ESPERANTO E SCIENCIA

Vinte e um membros da Academia de Sciencias de Paris subscreveram a seguinte importante resolução:

"Os abaixo assignados, membros da Academia das Sciencias, convencidos de que a adopção da lingua auxiliar Esperanto nas relações internacionaes teria consequencias de immenso alcance, do ponto de vista do progresso das sciencias e de suas applicações; de que ella permittiria intensificar a irradiação da sciencia franceza no exterior, e, por consequencia, a influencia intellectual do nosso paiz; faz votos para:

1o. que o ensino desta lingua, obra-prima de logica e de simplicidade, seja introduzida, pelo menos a titulo facultativo, nos programmas officiaes das clas-

ses de sciencias de todos os estabelecimentos de instrucção;

2º. que nos congressos internacionaes, seja adoptada como lingua official, nas mesmas condições que as linguas nacionaes, até que a experiencia confirme a sua aptidão á unica lingua official;

3º. que, desde já, os scientistas e os technicos se prepararem para uzal-a em suas relações com seus collegas extrangeiros, e que depois lhes communiquem estarem promptos para della se utilizarem;

4º. que seja nomeada uma commissão para preparar e elaborar os vocabulos das sciencias puras em Esperanto, e que as sociedades technicas sejam convidadas a proceder do mesmo modo em relação á sua capacidade".

———

## O centenario da Independencia do Brasil e o Esperanto

O Presidente da Brazila Ligo Esperantista recebeu do Presidente do Escriptorio Official da Commissão Executiva do Centenario da Independencia o seguinte officio:

Nº. 320 — Em 6 de Julho de 1921.

Exmo. Sr. Dr Alberto Couto Fernandes
Presidente da "Brazila Ligo Esperantista"

Desejando promover nos paizes da Europa, intensa e efficiente propaganda da commemoração do Centenario da Independencia do Brasil com intuito de attrahir forasteiros e concorrer para a divulgação das riquezas economicas e das possibilidades de toda a natureza que nosso paiz offerece, resolveu a Commissão Executiva do Centenario utilizar o recurso offerecido pelo idioma internacional Esperanto.

Este Escriptorio Official tem recebido avultado numero de pedidos de informações redigidos nesse idioma, pedidos esses formulados por firmas industriaes e commerciaes, associações de varias naturezas, orgãos de publicidade e particulares. Temos em mão, egualmente, innumeros programmas e prospectos em Esperanto, referentes ás ultimas Exposições e feiras internacionaes realizadas em varios paizes da Europa. Seguindo esse exemplo, e, tambem para corresponder áquelles pedidos, deseja a Commissão Executiva confiar a essa Liga o encargo de traduzir para o Esperanto o seu programma geral das festas commemorativas, o Regulamento da Exposição e os propectos de propaganda que este Escriptorio fornecerá opportunamente.

Apresento a V. Ex. os meus protestos de estima e consideração.

(As.) *Antero Pinto de Almeida.*

## O ESPERANTO NOS TELEGRAPHOS

A Secretaria Internacional da União Telegraphica, com séde em Berne, communicou ao Director Geral dos Telegraphos que 16 paizes acceitaram a proposta da Administração dos Telegraphos da Tchecoslovaquia para modificação do texto do Regulamento do Serviço Telegraphico, no sentido de ser considerado o Esperanto linguagem clara para a correspondencia internacional.

São os seguintes os paizes que se declararam favoraveis: Australia, Austria, Bolivia, Brasil, China, Dinamarca, Egypto, Hespanha, Hungria, Japão, Noruega, Nova-Zelandia, Paizes-Baixos, Portugal, Rumania e Uruguay.

Outros paizes são de parecer que se deve aguardar a proxima Conferencia Telegraphica Internacional.

———

## Pri io kaj ujo

La prezidanto de la Lingva Komitato sendis al ĉiuj lingvkomitatanoj raporton de d-ro Corret, direktoro de la Teknika Vortaro, pri la sufikso **io** por la landnomoj.

D-ro E. Backheuser, responde, diris resume la jenon: «Pri la sufikso **io**, mi ĝin plene aprobas,ĉar mi estis unu el la unuaj uzi «Brazilio» por la nomo de mia lando,kiam mi faris ĉe la Societo de Geografio de Parizo paroladeton, kiu aperis en broŝuro publikigita de la grava librejo Hachette & Cº. Poste d-ro Zamenhof mem skribis respondon pri la nomo Brazilio ĝin konsilante. Mi pensas ke oni devas uzi la nomon Franclando aŭ Francio anstataŭ Francujo.

Fine mi opinias ke oni devas fortike resti esperantistoj ĝis la momento, kiam la naciaj registaroj decidos la enkondukon de iu lingvo internacia. Tiam oni devas cedi en malgrandaj punktoj kaj ĉe en grandaj, se tio estos necesa por la venko de lingvo internacia».

S-ro Couto Fernandes diris ke li ne aprobas la sulfikson **io**, sed, laŭ la konsilo de Zamenhof, li ne uzas la sufikson **uj** por la *novaj* landoj. Tial li diras: Francujo, Germanujo, Brazilio, Ĉilio k. t. p. *Brazili* kaj *Cili* estas internaciaj radikoj.

Jen kion diris Zamenhof pri tio: «...ĉiuj *novaj* landoj neniam devas uzi la sufikson **uj**. Se mi dum longa tempo uzadis «Brazilujo», «Ĉilujo», k. t. p., mi konfesas mem, ke tio estis eraro. (Lingvaj Respondoj-Oficiala Gazeto Esperantista: 25 Marto 1911).

## Brazila Klubo "Esperanto"

*Generala Kunsido en la 18ª de Junio de 1918.* — Prezidis d-ro H. Motta Mendes.

La protokolo de la kunsido okazinta la 5an de Aŭgusto de 1920 estas aprobita.

*Tagordo*: Elekto de la nova estraro.

*D-ro Couto Fernandes* proponas, ke ĝi estu aklamita, kaj tuj prezentas d-ron Nuno Baena por la ofico de prezidanto.

*D-ro Nuno Baena* diras, ke li opinias: ke la prezidanto de ia asocio estas la reprezentanto de la ideoj, aspiroj kaj agmanieroj de ĝiaj membroj; ke la prezidanto estas la unika direktanto, kaj la aliaj membroj de la estraro nuraj helpantoj. En la okazo, ke B. K. E. interkonsentos kun li, grandplezure li akceptos la taskon proponitan. Resume, li deklaras: ke li estas severe fundamentista, kaj pro tio respektas kaj respektigas «Fundamento de Esperanto»; ke li tute malaprobas la sufikson «i» por landnomoj; ke estas nepre necesa la konstruo de domo por la Klubo; ke estas neprokrastebla la plinombrigo de la klubanoj; ke la entrepreno de d-ro Motta Mendes por la eldono de verkoj Esperantaj devas esti helpita; ke la Klubo devas riĉigi sian bibliotekon per la verkaro de dr-o Zamenhof; ke la Klubo devas ĉiam kaj ĉiel montri sian simpation kaj amikecon al la familio de la Kara Majstro.

Post la vortoj de d-ro Nuno Baena, la propono de d-ro Couto Fernandes estas unuanime aprobita per aplaŭdoj.

Poste estas aklamitaj: vic-prezidanto, dr-o Leonel Gonzaga; 1ª sekretario, s-ro Alcindo Terra; 2ª sekretario, f-ino Esther Bloomfield; 1ª kasisto, s-ro Octavio de Azevedo Macedo; 2ª kasisto, s-ro Ismael Gomes Braga; konsilantoj: s-ino Rachel Bessa, f-ino Maria Luiza Bocayuva, generalo Manoel Portilho Bentes, d-roj Venancio da Silva, Antonio Carlos de Arruda Beltrão kaj H. Motta Mendes, s-roj Odillo Pinto, Felix Tribouillet, Honorio Leal kaj Flavio Norte.

——

*Generala Kunsido en la 2ª de Julio de 1921.* — Prezidas d-ro Motta Mendes kaj d-ro Nuno Baena. La sekretario legas telegramojn de s-ino Rachel Bessa kaj de s-ro Ismael Gomes Braga, praviganta ilian foreston.

Dr-o Motta Mendes legas la raporton de sia agado, kaj poste enoficigas d-ron Nuno Baena, kiu siavice enoficigas la aliajn elektitojn en la kunsido de 18ª de Junio.

——

*Konsilantara Kunsido en la 16ª de Julio de 1921.*— Prezidas d-ro Nuno Baena kaj sekretarias s-ro Odillo Pinto.

La sekretario legas leteron kaj telegramon pravigantan la foreston de s-ino Rachel Bessa, de d-ro Antonio Carlos de Arruda Beltrão, kaj de f-ino Maria Luiza Bocayuva, kiu sendis skribe la konsilojn petitajn de la Prezidanto de B. K. E.

Post diskutado, la Konsilantaro decidas prezenti al la Prezidanto la jenajn konsilojn, laŭ la ideoj de f-ino Maria Luiza Bocayuva kaj de d-ro Venancio da Silva:

Inviti la klubanojn, por ke ili proponu minimume unu novan membron ĉiujare; okazigi literaturajn kunvenojn; publikigi resume la protokolojn de la kunsidoj kaj novaĵojn pri la Klubo, en la neesperantista gazetaro kaj en «Brazila Esperantisto»; inviti la gelernantoj, por ke ili klubaniĝu; starigi kursojn en la sidejo nur por geklubanoj.

Dr-o Motta Mendes altiras la atenton al la organizo de encikiopedia vortaro.

——

1ª *Ordinara Estrara Kunsido en la 6ª de Aŭgusto de 1921.* —Prezidas dr-o Nuno Baena.

Estas akceptitaj adeptoj: f-ino Yrany Baggi de Araujo, d-roj Miguel Quadros kaj Carlos Domingues, s-roj Paulo Fragoso, Alvares Coutinho kaj John Bloomfield, proponitaj de f-ino Esther Bloomfield (2), d-ro Nuno Baena (1), d-ro Couto Fernandes (2) kaj Odillo Pinto (1).

La estraro decidas, ke la konsilantoj ne partoprenu la ordinarajn konsidojn, escepte se ili estos invititaj por doni konsilojn.

La prezidanto sciigas, ke la ordinaraj kunsidoj de B. K. E. okazas la unuan sabaton de ĉiu monato je la 16ª horo.

La Kasisto sciigas, ke d-ro Miguel Quadros deponis en la kaso de B. K. E. la sumon de 40$000 ĝis sia proksima decido.

——

*Donaco.*— S-ro Murillo Furtado, el Porto Alegre (Rio Grande do Sul), honora prezidanto de B. K. E., donacis al ĝia Biblioteko diversajn verkojn Esperantajn.

## La Skoltoj kaj Esperanto

El la regularo de la Asocio de Brazilaj Katolikaj Skoltoj ni elĉerpis la jenon:

INTERPRETISTO:

Scii interparoli, skribi simplan leteron pri temo donita de la ekzamenanto, legi kaj

traduki pecon da libro aŭ ĵurnalo en *Esperanto* ĉiu ajn fremda lingvo, kaj scii interparoli per la alfabeto de l'surdmutuloj.

## Eldona Esperantista Societo en Brazilio

Je la 18a de Junio, ĉe la sidejo de Brazila Ligo Esperantista, kunvenis kelkaj esperantistoj por aŭdi la proponon de s-ro inĝ. H. Motta Mendes rilatan al starigo de Eldona Esperantista Societo. La propono, iomete modifita, estas aprobita. Brazila Ligo Esperantista prenis sur sin la taskon ĝin korporacigi kaj tuj dissendis la necesajn prospektojn. La interesatoj sin turnu al «Brazila Ligo Esperantista».

## Brazila Gazetaro

### Rio de Janeiro

Krom la sciigoj pri Esperanto aperintaj lasttempe en «O Jornal» kaj «Correio da Manhã» (preskaŭ ĉiusemajne), en «Jornal do Commercio», «A Noite», «A Patria», «O Dia», «O Paiz», «Rio Jornal», «O Imparcial», «Jornal do Brasil», «A Folha», estas citindaj la jenaj, kiujn publikigis kelkaj ĵurnaloj kaj revuoj de Rio de Janeiro:

«6a Brazila Kongreso de Esperanto», parolado de s-ro Giovanni Leoni ĉe la 6ª Kongreso. *(O Theosophista)*.

«Impresoj de granda optimismo», intervjuo kun d-ro Nuno Baena. *(A Noite*, 3/5*)*.

«Nova Religio». *(O Jornal Baptista*, 5/5*)*.

«Ni laboru por Esperanto», artikolo de s-ro Antonio Vaz. *(Voz do Povo*, 13/5*)*.

«6a Brazila Kongreso de Esperanto», ilustrita artikolo. *(O Apostolo*, 20/4.*)*

«La grandaj foiroj de Eŭropo», artikolo pri la Pariza foiro. *(O Imparcial*, 20/5.)

«Esperanto kaj la Franca Akademio». *(O Jornal*, *A Folha*, 9/5, *Correio da Manhã*, 13/5*)*.

«Espiritismo — Esperanto». *(Reformador*, 16/6).

«Esperanto en la lernejoj de Genevo». *(O Jornal*, *O Dia* kaj *A Folha*, 23/6*)*.

«Brazila Klubo Esperanto», artikolo pri la 15a datreveno de ĝia fondo, *(O Paiz* kaj *O Jornal*, 2/7*)*.

«La internacia lingvo», artikolo de s-ro A. Vaz; *Edukado* kaj *Instruado*, artikolo de s-ro Victorino Amancio, *(Resurgir*, laborista gazeto, 27/6*)*.

«La progreso de Esperanto, ilustrita artikolo pri la 6ª Kongreso, *(O Propedeutico*, Julio).

«Raporto prezentita de d-ro Aarão Reis al la Klubo de Inĝenieroj, kiu okupis kvar kolonojn. *(Jornal do Commercio*, 28/7*)*.

«Parolado de d-ro A. Arruda Beltrão ĉe la Klubo de Inĝenieroj», en 4 kolonoj *(Jornal do Commercio*, 3/8*)*.

«Raporto de la Leĝa kaj Justeca Komitato de l' Federala Senato tre favora al Esperanto. *O Jornal do Commercio* kaj *O Jornal*, 20/8).

«Alpeto al la Ligo de Nacioj» *(Jornal do Commercio*, 2/9*)*.

## Bilanco prezentita de l' Kasisto de Brazila Ligo Esperantista al la "Sesa Brazila Kongreso de Esperanto".

(De 1 Januaro 1920 ĝis 5 Aprilo 1921)

| | |
|---|---|
| | ENSPEZOJ |
| Saldo je 31 Decembro 1920........ | 351$750 |
| Kotizaĵoj, donacoj kaj abonoj..... | 548$500 |
| Venditaĵoj, atestoj kaj anoncoj... | 120$200 |
| Procento de banko kaj vendo de «Curso Elementar de Esperanto» | 84$400 |
| | 1:104$850 |
| | ELSPEZOJ |
| Konservado de la sidejo.......... | 80$000 |
| Presado de «Brazila Esperantisto» kaj aliaj presaĵoj.............. | 699$100 |
| Aĉetado de materialo kaj malgrandaj elspezoj................. | 87$900 |
| Libroj, broŝuroj, k. c., por disvendado.......................... | 150$450 |
| Poŝtelspezoj kaj telegramoj...... | 52$650 |
| Saldo je 5 Aprilo 1921.......... | 34$750 |
| | 1:104$850 |

Rio, 6 de Aprilo de 1921.

*Ed. Tribouillet.*

## 6ª Brazila Kongreso de Esperanto

Monhelpo donita al la Kaso de l'Kongreso por malaperigi ĝian deficiton.

| | |
|---|---|
| Inĝ. Augusto Ramos........ | 50$000 |
| S-ro Levino Fanzéres.......... | 20$000 |
| Inĝ A. Couto Fernandes......... | 10$000 |
| Inĝ H. Motta Mendes........... | 10$000 |
| D-ro Nuno Baena............... | 10$000 |
| J. Bloomfield.................. | 10$000 |
| | 110$000 |

| | | |
|---|---|---|
| | Transporto | 110$000 |
| Odillo Pinto | | 5$000 |
| E. Felix Tribouillet | | 5$000 |
| Carlos Domingues | | 5$000 |
| Subkolonelo L. das Trinas | | 5$000 |
| O. A. de Azevedo Macedo | | 5$000 |
| Brazila Ligo Esperantista | | 9$000 |
| Brazila Klubo «Esperanto» | | 9$000 |
| | Sumo | 153$000 |

## KRONIKO

**Maranhão**.— *S. Luiz*. La ĵurnalo «Pacotilha» publikigis artikolon de s-ro Domingos Perdigão, ŝtata bibliotekestro, pri la Brazila Ortografio, en kiu li parolas pri letero en Esperanto, kiun li ricevis el Germanujo.

**Ceará**.— *Fortaleza*. Artikoloj pri Esperanto aperis en la ĵurnaloj «Correio do Ceará» kaj «Diario do Ceará». Ankaŭ «A Verdade» organo de *Katolika Rondo*, aperigis la 16 gramatikajn regulojn.

— Vizitis la sidejon de «Nova Samideanaro» s-ro Targino Soares, prezidanto de «Mossoró Esperanta Klubo», kiu estis vojaĝanta pro komercaj aferoj.

**Rio Grande Norte**. — *Mossoró*. La 1an de Majo, en la sidejo de «Komiza Unuiĝo», okazis kunveno de esperantistoj. Paroladis la malnova esperantisto s-ro Targino Soares, kaj proponis la starigon de *Mossoró Esperanta Klubo*, kiu estas tuj aprobita. Jen estas la estraro de tiu klubo :

Prez.— s-ro Targino Soares, vicprez. — s-ro Raymundo Nonato de Souza, sek.— s-ro Manoel de Assis, oratoro — s-ro Manoel João Evangelista, kas.— s-ro Nathanael Luz kaj bibliot.— s-ro Tiburtino Leite Mattos.

La tieaj gazetoj «O Nordeste» kaj «O Mossoroense» raportis pri la fondo de l'Klubo kaj gratulis s ron Targino Soares pro la bona rezultato de liaj klopodoj.

Nun funkcias du kursoj direktataj de tiu ĉi agema esperantisto.

— La 20an de Aŭgusto, en la Teatro «Almeida de Castro» okazis prezentado dediĉita al la revuo el *Ceará* «Estrella» kaj tiam ĉ irmaj junulinoj kantis la Internacian Marŝon, de E. Wanderley. Ludis la rolon de Esperanto f-ino Maria Luiza.

*Natal*. La gazeto «A Opinião» publikigis artikolon pri la fondo de *Mossoró Esperanta Klubo*.

**Stato Rio**.— *S. Thomé*. S ro Antonio Carlos de Arruda Beltrão, ĉefinĝeniero de la 13ª telegrafa distrikto, profitante sian viziton al la senfadena telegrafoficejo, invitis ĉiujn telegrafoficistoj kaj iliajn familiojn por aŭdi paroladon pri Esperanto. Ĝi okazis la 14an de Aŭgusto en la telegrafoficejestro, s-ro Dyonisio de Souza, malnova esperantisto.

Post la parolado, kiu estas varmege aplaŭdita, parolis s-roj Dyonisio de Souza kaj Diniz Barretto, kiu, en la nomo de siaj kolegoj, salutis d-ron Beltrão kaj lin dankis pro lia bela parolado.

**Minas Geraes**.— *Juiz de Fóra*. La 2an de Junio la klera esperantisto d-ro Benjamin Colucci malfermis kurson de Esperanto ĉe la Komerca Instituto «Lucindo Filho», en kiu enskribiĝis multaj lernantoj. La ĵurnalo «A Imprensa» raportis detale pri tio.

**S. Paulo**.— *S. Paulo*. Nia skota samideano, inĝ. Arthur Brown, malfermis praktikan kurson de Esperanto, en kiu enskribiĝis 19 lernantoj diversnaciaj. Li intencas fondi esperantan klubon, por anstataŭigi la antaŭlonge malaperintajn.

La porlaborista ĵurnalo «A Vanguarda» publikigis tradukon de la alvoko, kiun Henri Barbusse faris al la Internaciistoj per «Esperantista Laboristo». Ĝi aperigis ankaŭ artikolon de s-ro Antonio Vaz pri «La Laboristoj kaj Esperanto».

Alia ĵurnalo «A Plebe» transskribis la rezolucion pri Esperanto de la *Federacio de la Laboristoj el Ceará*.

**Parana'**.— *Coritiba*. La ĵurnalo «Gazeta do Povo» publikigis multajn artikolojn pri la lastaj notindaj faktoj rilataj al la propagando de Esperanto. La publiko ekinteresiĝas pri la esperanta afero. Vekis grandan intereson la artikolo pri s-ro Franz Müller, kiu loĝis dum kelka tempo en Paraná. La ĵurnalo publikigis tradukon de la letero ricevita el Ĉeĥoslovakujo petanta informojn pri li. «Diario da Tarde» ankaŭ aperigis kelke da sciigoj pri Esperanto. La revuo «União e Trabalho», organo de la Komercoficista Asocio, publikigis la 16 gramatikajn regulojn kaj artikolon de s-ro R. Guarita Cartaxo, kiu klopodas por fondi esperantan klubon.

**Rio Grande Sul**.— *Pelotas*. Nia samideano d-ro Bruno Lima, direktoro de la Urba Biblioteko, cedis unu el ĝiaj ĉambroj por funkcii la klubon «Verda Stelaro». La 14an de Majo tiu ĉi okazigis sian unuan kunvenon en la nova sidejo. Ĝin ĉeestis s-ro Miguel da Cunha Furtado, reprezentanto de la urbestro.

D-ro José Pedro Franz, prezidanto de l'Klubo, malferminte la kunsidon diris kelkajn vortojn pri la Historio de Esperanto kaj donis la parolon al la oratoro s-ro Alcides de

Oliveira, kiu faris brilan paroladon, en kiu li atentigas la ĉeestantaron pri la sukceso die la 6a Brazila Kongreso. Poste parolis d-ro Bruno Lima, kiu salutis la klubon, kaj s-ro Cunha Furtado.

Tiam estas malfermitaj kursoj gvidataj de la fervora esparantistino f-ino Antoninha Barum.

— La 18an de Aŭgusto tiu agema klubo festis la unuan datrevenon de sia fondo per solena kunsido kaj balo okazinta ĉe ĝia sidoma prezidanto, d-ro José Pedro Franz.

Malferminte la kunsidon je la 9a vespere, d-ro Franz legis paroladon en Esperanto, poste tradukitan portugalen de la lernanto s-ro João Nunes Cardoso.

Tiu ĉi, en la nomo de ĉiuj klubanoj, salutis la estraron, kaj f-ino Antoninha Barum faris paroladeton en Esperanto montrante sian ĝojon pro la progreso de la internacia lingvo en tiu urbo.

Post la fermo de l' kunsido komenciĝis la balo, dum kiu regis ĉiam granda entuziasmo kaj intimeco. Oni regalis la ĉeestantojn per trinkaĵoj kaj dolĉaĵoj.

La ĵurnaloj «A Opinião Publica», «O Rebate» kaj «Diario Popular» raportis pri la festoj okazintaj.

**Rio de Janeiro.**— Sub la titolo «Impresoj de granda optimismo» la multlegata vespera ĵurnalo «A Noite» publikigis intervjuon kun d-ro Nuno Baena, prezidinto de la 6a Brazila Kongreso de Esperanto, kaj aperigis lian portreton.

— Dum la monata Majo estas malfermita en la Blindul-Instituto «Benjamin Constant» kurso de Esperanto direktata de la blinda profesoro s-ro Francisco de Almeida Junior. Ĝia derektoro estas tre favora al Esperanto kaj subskribis la alpeton senditan al la Ligo de Nacioj.

— La 12an de Majo, laŭ peto de kelkaj urbaj instruistinoj, faris d-ro Nuno Baena, en la salono de la Societo de Geografio, paroladon en portugala lingvo pri Ŝtato Pará, bazitan sur la parolado de li farita en Esperanto okaze de la 6a Brazila Kongreso, kiel reprezentanto de la tiea Historia kaj Geografia Instituto.

— «Virina Klubo» okazigis sian 43an kunvenon je la 15a de Majo ĉe s-ino Romana Forster Vidal, prezidantino, kaj la 44an je la 26a de Junio ĉe s-ino Lucina Pereira da Cunha. Ambaŭ estis tre interesaj kaj konsistis el literatura parto, muzika parto kaj danco. La ĉeestintojn oni regalis per teo, kafo kaj dolĉaĵoj.

Okaze de la 9a datreveno de tiu klubo, je la 2a de Aŭgusto, efektiviĝis kunsido, en la salono de la Societo de Geografio. Tiam estas reelektita la jena estraro; Prez. — S-ino Romana Forster Vidal, vicprez.—S-ino Dioguina Chalréo Corrêa, unua sek—S-ino Julia Fernandes, dua sek—f-ino Romancina Calmon kaj kas.—S-ino Orizaba Souza Guimarães.

Tiu klubo donacis monsumon al Brazila Ligo Esperantista kaj al «Rifuĝejo Sankta Isabel».

— «Je la 23a de Majo, s-ro A. Couto Fernandes malfermis superan kurson de Esperanto, kiu funkcias ĉiuĵ ŭde, en la sidejo de Brazila Ligo Esperantisto.

— La prezidanto de tiu ĉi Ligo sciigis la Komercan Asocion de Rio de Janeiro pri la rezolucio aprobita de la Pariza Komerca Ĉambro por Esperanto kaj, responde, ricevis dankan kaj gratulan leteron de ĝia estraro.

— Je la 7a de Aŭgusto, en la sidejo de «Gremio Artistico Renovação», strato José Mauricio, 51, okazis kunveno por priparoli pri la fondo de «Laborista Esperantista Grupo», kiu efektiviĝis la 17an de la sama monato. La celo de tiu klubo estas vigle propagandi Esperanton ĉe la laboristoj. Ĝia estraro estas la jena: Ĝen. sek.— s-ro Antonio Vaz, kas.— f-ino Olga de Biasi kaj bibliot.— s-ro Joaquim G. Pereira.

— La 18an de Majo en la sidejo de Brazila Spirita Federacio malfermiĝis kurso de Esperanto direktata de s-ro Arminio de Moraes, en kiu enskribiĝis multaj laboristoj.

— La 26an de Majo s-ro A. Couto Fernandes faris paroladeton pri Esperanto ĉe la Urba Drama Lernejo.

— La gazetaro de Rio de Janeiro daŭrigas montri simpation al Esperanto kaj sciigas sian legantaro pri ĉiuj notindaj faktoj.

A. C. F.

---

## O Esperanto no Estrangeiro

**Inglaterra** — *Londres* — Foi recentemente fundada a "Liga da Paz Internacional", destinada a trabalhar para a extincção da guerra. Esperam realisar tal *dezideratum* por tres meios: o catholicismo, a educação politica e o Esperanto. Os redactores da "Catholic Gazette" franqueam as columnas d'esse periodico para as informações da Liga. Não é de rigor que os membros sejam catholicos ou esperantistas; todos, porém, devem ser francos adeptos da paz, visto que o objectivo da associação é a Paz Internacional. Serão recebidas adhesões

com grande prazer, pelo Secretario — 4 Princeton Str. — London—W C 1.

*Chester*—Na 28ª Conferencia da "United Kingdom Traveller's Association", (Soc. de Caixeiros Viajantes do Reino Unido), foi acceita a seguinte deliberação: "Que a Sociedade convença aos manufactureiros, que tem negocios no exterior do paiz, da necessidade de utilisarem o Esperanto, lingua que dispõe de todos os requesitos para os misteres de suas industrias.

*Manchester* — No Congresso annual das Sociedades Cooperativas das Mulheres *(Women's Co-operative Guilds)*, em Junho p. p., foi apresentada pela secção Tooting (Woolwich), e unanimemente acceita pelos 1360 delegados a moção seguinte: "Este Congresso, reconhecendo a grande importancia, para o movimento Cooperativo, do uso de uma lingua internacional entre os operarios do mundo, recommenda que se adopte o Esperanto — em todas as Conferencias Internaciónaes e que se estimule o seu estudo entre os Cooperadores; que todo o esforço seja feito pelos mesmos no sentido de assegurar o seu ensino geral em todas as escolas elementares".

**Belgica** — A vida esperantista evolue vigorosa e animadora. *Bruxellas* — Os cursos livres de Esperanto, inaugurados em St. Gilles antes da guerra, pela Senhorita Jennen, funccionam com extraordinaria frequencia de alumnos. *Liége* —Sob a direcção do commandante Raulier, funcciona na Universidade, com avultada concurrencia, um curso de Esperanto. Graças a iniciativa d'esse grupo foi projectado e realisado em Maio ultimo o 10º Congresso nacional dos esperantistas belgas.

O principe herdeiro Alberto, autorisado por seu pai, acceitou a presidencia honoraria de Liga Esperantista Belga. O Congresso foi coroado de pleno successo, tendo entre outras deliberações, votado por unanimidade o abandono do suffixo *-io-* para o nome dos paizes.

**França** — O 9º Congresso dos Esperantistas Francezes, em *Orleans*, foi um comicio digno de nota, não só pela importancia e opportunidade das questões alli debatidas, como pela cordialidade que tão estreitamente colligou os membros da distincta assembléa.

No banquete de encerramento, o Sr. Rollet de l'Isle, alludindo a diffusão ampla do pensamento francez a todo o mundo, por intermedio do Esperanto, em eloquente *toast*, saúda aos representantes presentes da imprensa orleaneza. O Sr. Cart, em puro esperanto, ergue a taça em honra ás *samideaninoj* presentes; regosija-se com o crescido numero de senhoras adeptas do Esperanto "*porque nenhuma obra no mundo é coroada de exito sem o apoio da mulher*". O Sr. Daniel Eyguem saúda aos "jovens" que colherão os fructos da victoria do Esperanto. O Sr. Robert Massy fecha a serie de brindes, disendo que existe um grande interesse no estreitamento das relações internacionaes; ora, servindo o Esperanto para a multiplicidade das relações individuaes, contribuirá fatalmente para tal resultado. Trabalhar para o Esperanto é trabalhar para a França e para a humanidade.

*Lyon* — Em Maio p., n'esta cidade, reuniu-se o "Internacia Kongreso de l' *Asocioj de Lernintoj el Komercaj Lernejoj*—com delegações de Amsterdam, Bruxellas, Genebra, Londres e Veneza. O Sr. Drudin, propagandista francez, apresentou importante relatorio sobre o Esperanto, propondo a sua inclusão no programma de ensino das Escolas Commerciaes. Infelizmente o Congresso approvou apenas a opinião do Snr. Pagnon "que entende que deve se ministrar aos alumnos somente a instrucção dos *principios* da lingua, cuja aprendisagem rapida facilita ou antes habilita a escripta ou correspondencia; deixando o estudo do *vortaro* ou vocabulario para a conversação ao arbitrio ou bel prazer dos alumnos".

**Hespanha** — A Sociedade esperantista "*Paco Kaj Amo*" de *Barcelona*, em uma das duas ultimas sessões deleitou o espirito dos circumstantes pela palavra eloquente e erudita do Prof. Marian Solá y Terrasa, que discursou sobre a "*Vivo de Mikroboj*"; o fluente e interessante discurso sobre esse thema arrebatou o auditorio, impressionado pelo modo pelo qual se póde discorrer sobre medicina em esperanto.

*Katalunia* — A Federação Esperantista continua a gozar do antigo prestigio e popularidade: conta 392 confederados disseminados pelas diversas cidades da região. Está annunciado para Outubro p. o 9º. Congresso da Federação, em Girona, sob a presidencia honoraria do rei Affonso XIII; haverá exposição esperantista e jogos floraes.

**Suissa** — A Camara do Commercio de *Lucarno* enviou a de Paris uma missiva approvando a deliberação de introduzir o Esperanto no Commercio: exaltou tal resolução, esperando que seja imitada por todas as organisações commerciaes do mundo. A Liga Universal Sportiva d'esta cidade cogita de editar uma nova revista "*Sport Revuo*", para o que invoca a collaboração dos *sportmen* de todos os centros sportivos do mundo, enviando-lhe noticias tradusidas dos jornaes sportivos nacionaes. Os correspondentes receberão gratuitamente a Revista, sendo-lhes indemnisados pela Redação as despezas postaes: o endereço é — *Universala Sport Ligo* — Generala Sekretario — S-ro Stefano Pedrazini—Lucarno — Suissa.

O governo da Republica e Cantão de *Genebra* resolveu introduzir o ensino obrigatorio do Esperanto no ultimo anno de todas as escolas primarias a contar de setembro de 1921, como experiencia official. Para tornar effectiva esta resolução, dirigiu uma circular aos professores dessas escolas, que

responderam affirmativamente á consulta que lhes foi feita.

**Italia** — *Cremona* — Em solemne reunião do Grupo Esperantista, no Theatro Ponchieli, foi registrada após unanime votação a seguinte declaração: "O povo de Cremona, reunido no Theatro Ponchieli, adhere ao Esperantismo e deseja a proxima introducção do ensino do Esperanto nas escólas publicas". A Municipalidade mostrou-se favoravel a moção.

*Trento* — Estava annunciado para o mez de Agosto do corrente o 6º. Congresso dos Esperantistas Italianos, n'esta cidade.

*Polonia* — A Sociedade Esperantista Polaca, considerando que o principal objectivo do seo progremma é compellir os Estados a introduzirem o Esperanto nas Escolas, como lingua obrigatoria, pediu ao 13º Congresso Universal de Esperanto, em Praga, que elegesse uma commissão que se dirija aos ministerios da instrucção publica de todos os paizes de constituição parlamentar, propondo que cada um prometta introduzir o Esperanto, creação de Zamênhof, no programma das escolas de seu paiz, como lingua auxiliar, officialmente internacional; se ao mesmo tempo todos os outros, ou pelo menos os mais importantes, tambem concordarem agir de modo identico.

A Commissão dará por finda a sua incumbencia depois da publicação dos resultados d'esta tentativa.

**Tcheco-Slovaquia**—*Praga*, A 31 de Julho ultimo foi inaugurado o 13º Congresso Universal de Esperanto, com a assistencia de 2.500 congressistas, representantes de 40 nacionalidades; foi a mais grandiosa e concorrida Assembléa Esperantista em exercicio, que teria sido sobrepujada apenas pela de Paris, caso esta tivesse funccionado.

A vitalidade pujante do Esperantismo póde ser rigorosamente aferida pelo brilhante parlamento cosmopolita, constituido por deputados que, sem interesse material d'especie alguma, affluiram de affastados recantos do globo para corporificar, avultar, tornar efficiente a idéa primordial, a base da civilisação e do progresso.

Honra a esses paladinos do bem, altruistas, verdadeiros amigos da humanidade.

*V. S.*

---

LIGA DE ESPERANTISTAS ESCOTEIROS

Ha pouco tempo fundou-se na Inglaterra a Liga dos Esperantistas Escoteiros, cujo fim é:

1º. Divulgar os ideaes escoteiros por meio do Esperanto;

2º. Divulgar o Esperanto entre os escoteiros de todos os paizes;

3º. Crear uma literatura especial para os escoteiros, em Esperanto;

4º. Editar uma gazeta ou revista internacional;

5º. Solidarizar o sentimento de fraternidade e comunhão nos dois movimentos entre os jovens das diversas nações.

A Liga já conta cerca de 200 membros de 30 nacionalidades differentes.

Para maiores informações dirigir-se ao Sr. *Norman Booth*, Netherton (Hudder-Spiald)) Inglaterra.

---

## BIBLIOGRAFIO

Ni ricevis kaj tre dankas:

**La Rozujo ĉiumiljara** de Mabel Wagnallo, tradukita de Ed. S. Payson. Rakonto sentimentala. Aĉetebla ĉe Ernest F. Dow, *West Newton, Mass. U. S. A.* — Prezo: 35 cendoj.

**La Kvakerismo,** de T. Corder Catchpool. Mallonga skizo pri la historio kaj kredoj de la Religia Societo de Amikoj, populare nomataj «Kvakeroj». Eldonita de Friends' Council for International Service, Ethelsburga House, 91, Bishopsgate, London, E. C. 2 Prezo: Du pencoj.

**La verda Kakatuo,** unuakta groteskaĵo de Arturo Schnitzler. Tiu miniatura dramo sur la historia fono de la granda revolucio en Francujo, verkita de bone konata en germanaj landoj dramverkisto A. Schnitzler en Wien kaj tradukita kaj eldonita de J. Schröder, 65 paĝa, bone presita kaj kun arta desegnaĵo sur la kovrilo, en mondformato ($16\frac{1}{2}$ : $11\frac{1}{2}$), estas nuntempe havebla por nur tri internaciaj respondkuponoj (en Aŭstrujo 3 Kpj). Sendintoj de mendo kune kun tiu bagatela monsumo al la eldoninto, Wien, VII. Kaiserstr. 10, Aŭstrio, ricevos tiun libreton en banderelo afranke tuj alsendite.

**La libro de komuna preĝo.** Kajero dua. Enhavo: La ordo por la administrado de la vespermanĝo de la sinjoro, aŭ sankta komunio. La administrado de publika bapto de infanoj (komenco). Eldonita de «La Eklezia Esperantista Ligo». Administrejo : Farnley tyas vicarage, *Huddersfield, Anglujo*. Prezo: Sm 0.354 afrankite.

**Esperanto.** Fulla de Propaganda publicada per l' Ateneu Enciclopédie Popular. *Carrer* Carmo,30, pral. Barcelona.

**Sonĝo de Somermeza Nokto.** Verko de la plej glora angla dramisto *William Shakespeare*. Tradukis *Louise Briggs*. Represita el «Literaturo» post tre zorga korektado kaj plibonigo, kaj kun aldono de

utilaj notoj. Prezo: Kartebindita: afrankite 2 $ 3 p. Tolebindita 3 $ 9 p. Mendu ĝin al la eldonintoj: **Brita Literatura kaj Debata Societo**. *254. Wightman Road, London. N. 8. Anglujo.*

DEKDUA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO. Kajero tridek-unua de la *Esperantista Dokumentaro* pri la oficialaj, historiaj, bibliografiaj kaj statistikaj aferoj. Eldonita de la Esperantista Centra Oficejo. *50 rue de Clichy. Paris.* Prezo: *3* fr.

ENGLISH — ESPERANTO DICTIONARY, de Fulcher and Long. 346 paĝoj, 14: 20 cm. Bone presita kaj belege bindita. Ni rekomendas tiun ĉi vortaron al ĉiuj esperantistoj konantaj la anglan lingvon. Prezo: 8 ŝil., se oni ĝin mendas rekte ĉe la *Brita Esperantista Asocio* (17, *Hart Street, Londono, W. C. 1.)*

LA LIBERECO DE KONSCIENCO KAJ LA TUTMONDA FRAMASONARO. En franca lingvo verkita de A. Sluys. Espeperanta traduko de Francisko Delgarbo. Eldonita de la Komitato por Spiritklerigado. *45 Klelno Beerstraat. Antverpeno. Belgujo.* Prezo: 1 respondkupono.

MIZERO KAJ SUFEREGO DE LA NURNBERGAJ INFANOJ. Broŝuro esperante eldonita laŭ ordono de la urbkonsilantaro kaj prilaborita en la statistika oficejo. Senpage havebla por eksterlandanoj de profesoro d-ro Lederer, Nürnberg. *Tuchegartenstr.* 13. *Germanujo.*

LA STUVELPETRO *(João Felpudo)*. Beletaj rakontoj kaj komikaj bildoj de dr. *Heinrich Hoffmann.* Esperanta traduko de J. D. Applebaum. Ĉiu plenaĝulo, kiu legos tiun ĉi esperantan tradukon, certe rememoros saŭdade sian infanecon. Aĉetebla ĉe Esperantista Centra Librejo, 51, *rue de Clichy, Paris.* Prezo: 18 markoj † *50%.*

LA FONTO DE LA BLANKPIEDULINO. Poemo de Petko Slavejkov. Tradukis At. D. Atanasov. Kolekto "Bulgara Bukedo". N. 1. Mendebla ĉe Centra Librejo "Esperanto", *Sofia—Bulgarujo.* Prezo: 0.20 fr. svisaj.

VORTARO DE KOMERCAJOJ. Aldono al la dua volumo de l' foira adreslibro de la Internaciaj Foiroj de Frankfurt. Eldonita de *Messamt (Esperanto—fako) Frankfurt a. M.* Prezo: 1 marko.

ESPERANTO — KATALOG. de Verlag Ludwig Fries (Germana Esperanto — Librejo). *Johannisplatz n. 3. Leipzig). Germanujo.*

FOIRO DE REICHENBERG. Ni ricevis diversajn presaĵojn en Esperanto de propagando de tiu foiro.

LA VENDREDA KLUBO. Dek-unu diversaj originalaj artikoloj verkitaj de la "Vendredo klubanoj" en Leipzig, kolektitaj de d-ro Dietterle, kun portreto de d-ro Albert Steche, prezidanto de la Germana Esp. —Asocio. Rekomendinda verko. Aĉetebla ĉe *Ferdinand Hirt & Sohn. Salomonstr. 15. Leipzig.* Prezo: 7.50 M.

## Esperanta Gazetaro

BIZANTIO. Monata Esperanto-Revuo eldonata en Konstantinopolo. Adreso: *Sichané Karakol Impasse Saverio, 55b. Konstantinopolo — Turkujo.* Jarabono: *15* fr. svisaj.

ESPERANTO — PRAKTIKO. Monata gazeto por perfektigo en la Lingvo Internacia. Eldonanto kaj redaktoro: *Friedrich Ellersick, Berlin S 59, Wissmannstrasse* 46. *Germanujo.* Jarabono: 18 M.

ĈEĤOSLOVAKA GAZETO, kun NOVA EUROPO. Esperanta monata revuo. Redakcio kaj Administracio: *Teŝnov n. 10 Praha II Ĉeĥoslovakujo.* Jarabono: 2 fr. svisaj. La aldono "*Nova Eŭropo*" estas "Internacia Tribuno de malgrandaj nacioj".

LADINA PATRUJO. Revuo por Friul—,Karn—Dolomit—, Grizon — lando Ĝi aperas kiel Suplemento al *L'Esperanto.* Direkcio: *Via de Gombrutti, 5 Bolona. Itallando.* Abono: *K*var numeroj — 5 frankoj.

LINGVO INTERNACIA Centra organo de la Esperantistoj, Red. kaj Administracio: *33, rue Lacépéde. Paris XIX* a jaro. N-roj 8-12 (248-252). Aŭg. 1914—Dec. 1920. Tiu-ĉi kajero aperis nur por plenigi la abonjaron 1914 Bedaŭrinde, tiu bonega revuo, kies ĉefredaktoro estas la famkonata d-ro Th Cart, ĉesis aperi pro malfavoraj cirkonstancoj. Tamen ni esperas ke ĝia neaperado ne estos longedaŭra.

## AMO PER PROVERBOJ

**Unuakta komedio de Arthur Azevedo.** El la portugala lingvo tradukis **A. C. Fernandes.** Prezo: 3 respondkuponoj (600 Rs.)

Jen kelkaj valoraj opinioj pri ĝi:

«Kun vera plezuro mi legis vian ĉarman komedieton, vere *bonege* tradukitan. Mi tre ĝojas pri via tute korekta kaj tre agrabla

stilo». Prof. TH CART. Prez. *de la Esp. Akademio.*

«Jam antaŭ kelka tempo mi verkis pri ĝi laŭdan recenzon, kiu espereble baldaŭ aperos en F. E. Mi sincere gratulas vin pri via sprita kaj gajiga teatraĵeto, kiun mi intencas konigi al la «Verda Kato». E. GROSJEAN MAUPIN. Dir. *de la Akademia Sekcio por la Komuna Vortaro.*

«Komedieto tre taŭga por la prezentado. La traduko estas bona, parte modela. Mi ĝin povas rekomendi al ĉiu esp. grupo». ESPERANTO TRIUMFONTA.

«Sprita komdieto, kunmetita ĉefe el proverboj. Rekomendinda por komencantoj». ESPERANTA FINLANDO.

«Especially interesing to *Spertuloj* as a work of translation». AMERIKA ESPERANTISTO.

## ANEKDOTOJ

— Ĉu vi parolas, kiam vi dormas?

— Ne, sinjoro. Mi dormas, kiam la aliaj parolas. Mi estas deputato.

———

— Doktoro, kion vi konsilas, ke mi trinku, por forigi tion, kion mi havas sur la nazo?

*La kuracisto:* — Trinku nenion, precipe inter la manĝoj.

———

*Inter lernantoj de fiziko.*

— Ĉu vi scias kio estas la absoluta malpleneco.

— Tio estas afero ekzistanta nur en via kapo.

———

Reveninte de la lernejo knabineto gaje diras al sia patrino, tuj kiam ŝi eniras hejmen:

— Panjo, panjo!... Hodiaŭ mi preskaŭ ricevis premion.

— Ĉu jes?... Nu, kiel okazis tio?

— Prezentu al vi, panjo!... Ĝin ricevis knabineto sidanta apud mi.

———

## O ESPERANTO E OS MEDICOS

Na sessão ordinaria realizada no dia 19 de Abril, na Sociedade de Medicina e Cirurgia do Rio de Janeiro, o Dr. Theophilo de Almeida demonstrou em considerações judiciosas a necessidade de uma lingua auxiliar para os estudos medicos, concluindo pela preferencia que deve ser dada ao Esperanto em vista da sua organização genial e admiravel.

Apoiando as idéas do distincto collega o dr. Leonel Gonzaga fez o elogio da lingua de Zamenhof e mostrou o que pretendem de facto os esperantistas: — simplesmente pugnar pela adopção de mais uma *segunda lingua* como auxiliar da lingua *materna*, aquella tão somente destinada ás communicações e relações entre individuos que não falem a mesma lingua. Accentuou o equivoco em que laboram os scepticos, que pensam ter o Esperanto a presumpção de se subistituir aos demais idiomas.

A Sociedade ouviu com sympathia e interesse as considerações expendidas e pelo orgão de seu Presidente, Dr. Plinio Marques, incumbiu o dr. Leonel Gonzaga de transmittir ao 6º Congresso Brasileiro de Esperanto, votos effusivos de real sympathia e apoio á causa da lingua Internacional Esperanto, incumbencia de que o mesmo se desobrigou com prazer.

———

VIRINA KONTRAUMILITA LIGO INTERNACIA

LASTEMPE STARIGIS EN PARIS. ĜI INTENCAS ĈIEL EBLE BATALI POR RAPIDE ĈESIGI LA FRATMORTIGAJN BATALOJN. ĈIUJ VIRINOJ DEZIRANTAJ EKINTERRILATIGI KUN LA LIGO ESTAS PETATAJ SIN TURNI AL: S-ino LARIVIERE, 14 rue des Liens PARIS IV. (Esperanto estas uzata por la eksterlanda korespondado).

## KORESPONDADO

S-RO FRANCISCO S. G. SCHADEN, *São Bonifacio (Correio de Theresopolis). S. Catharina* deziras korespondi per ilustri taj poŝtkartoj.

S-RO GIOVANNI BOCHICCHIO. *Vico Cardasco 6. Potenza, Italia,* deziras korespondadi per il. p. k. Al ĉiuj li respondos ĝis Decembro 1921.

Kiu sendos al mi 50 poŝtmarkojn de sia lando, ricevos same tiom da pm. germanaj nuntempaj. CARL KNEPER *Graf.Adolf. str. 11 Dusseldorf — Germanujo.*

S-RO MANUEL NOELLE GUELL. Superinstruisto. *General Arenales F. C. P. Argentino.* Deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj, per leteroj, il p.k,kaj interŝanĝas p. m., esp. gaz., librojn, il. revuojn en nacia lingvo, k. t. p. Ĉiam respondas tuj.

S-RO V. SANĈEV. *Bul. Ferdinand, 39. Sofio. Bulgarujo.* Deziras interŝanĝi p. m. nur kun neeŭropaj samideanoj.

Poŝtm. interŝanĝas RUDOLF SCHMIDT *Gresten Aŭstrujo.* Po 50 aŭ pli diversaj p. m. de ia lando li sendas la kvanton samvalore de German-Aŭstrujo.

VITOLD TENISOV. *Siberio. Narnaul.str. Pavlovskaja 82.* Al ĉiu samlingvano, kiu sendos al mi rekomendite ian ajn kvanton da poŝtmarkoj de sia lando, mi sendos la saman da rusaj aŭ iom da kreditbiletoj de rusa revolucia periodo.

Sendu 5 respondkuponojn al sro J. Ŝapiro, Lipowa 33, Bialystok. Polonia, kaj vi tuj ricevos 4 belegajn kolorigitajn poŝtkartojn kun vidaĵoj de Bialystok, la naskurbo de d-ro L. L. Zamenhof.